Dumonata. N-ro 10 Majo 1948

BULTENO DE

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj ugadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser : — Om inlichtingen over Esperanto, wende men zich :
**178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).**

## 32a BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

### Karloreĝo, 15-16-17 de Majo 1948.

**Honora Prezidanto :** S-ro Joseph TIROU, urbestro.

**Honoraj Vic - Prezidantoj :** S-ro Jacques LIGOT, skabeno de Publika Instruado; S-ro Léon ROUSSEAUX, prezidanto de la loka sekcio de « Ruĝa Kruco ».

PROGRAMO

**Sabaton, la 15an de Majo.**

Je la 15a : Malfermo de la Akceptejo, en HOTEL DE L'ESPERANCE, apud la Stacidomo.

Je la 17.30 : Laborkunsido. Kunsido de U. E. A.

Je la 18.15 : Kunsido de Belga Esperanto Instituto.

Je la 20a : Interkonatiĝa vespero. Diversa programo : muziko, kantado, prezentado de filmoj pri pasintaj kongresoj.

**Dimanĉon, la 16an de Majo.**

Je la 9.15 : En la kapelo, strato Willy Ernst, 26, antaŭ la urba parko (tramlinioj n-roj 1, 2, 4, 6 kaj 7, de la stacidomo). Katolika diservo, kun prediko en Esperanto, de R. P. De Corte.

Je la 10a : Vizito de la Urbdomo.

Je la 10.30, en apuda salono (indikota pli malfrue) : Solena Kunsido de la Kongreso.

Je la 12a : Oficiala Akcepto en la Urbdomo. Poste vizito al la Monumento al la Militmortintoj. Oficiala fotografado.

Je la 13.30 : Komuna tagmanĝo en Hôtel de l'Espérance.

Je la 15a : Foriro por vizito al la granda ferfabriko, Usines Métallurgiques du Hainaut.

Je la 18.30 : Festeno en Hôtel de l'Espérance. Baleto de junaj dancistinoj. Kabaredo. Balo.

**Lundon, la 17an de Majo.**

Ekskurso al Loverval, ĉarma loko, la plej bela en la ĉirkaŭajo, kien ni veturos per tramo. Ni tie pasigos la tagon, promenante aŭ ripozante, remante aŭ naĝante, ĝuante la freŝan atmosferon. Tagmanĝo estas havebla surloke. posttagmeze, reiro laŭdezire al Charleroi, por ke ĉiu povu ĝustatempe reveturi hejmen.

**La aliĝojn oni sendu senprokraste al L. K. K., rue du Grand-Central, 60, Charleroi.** Aliĝilo troviĝas sur la antaŭlasta paĝo.

# KARLOREĜO

## LA URBO KAJ LA REGIONO

« Karloreĝo, Karloreĝo, kio estas tio ? », pensos eble kelkaj samideanoj. « Ne cerbumu, tio estas facila divenaĵo, tio estas la belsona esperanta nomo de Charleroi. »

Nia urbo estas ja tre juna urbo : ĝi ne jam estas trijarcenta, kaj por urbo, tio estas preskaŭ infaneco, ĉu ne ? ekzemple kiam oni komparas al Bruĝo aŭ Gento. Ĝia bela nomo devenis de Karlo la Dua, reĝo de Hispanujo, kiu ordonis la konstruadon de fortika urbo por defendi la regionon. Tial la leono de la karloreĝa blazono fiere svingas sabron, memorige pri la defenda rolo de la urbo. Plie, la ĉefa placo havas ankoraŭ nun la nomon : « place Charles II » kaj eĉ, la franclingva nomo de la karloreĝanoj estas « Carolorégiens » (sed oni ofte diras nur « Carolos »).

Sed sufiĉas, ni prefere parolu pri la nuna Karloreĝo ĉar ĝin vizitos la Kongresantoj.

Nia urbo fariĝis, dum la deknaŭa jarcento, la ĉefurbo de vasta industria regiono, la « Baseno de Karloreĝo » aŭ la « Nigra Lando », kiu enhavas loĝantaron de pli ol 400.000 homoj.

Tie vivas kaj laboras homoj kuraĝaj kaj afablaj, de longtempe famaj pro sia obstina agemo kaj sia bonhumoro.

Tie ekzistas ferfabrikoj, kiuj estas inter le plej gravaj de Eŭropo, kaj kiuj estas famaj en tuta mondo. Niaj kongresantoj povos viziti la « Ateliers Métallurgiques du Hainaut » kaj ili vidos tie multajn vidindaĵojn. Ili ankaŭ povos admiri la mirigan urbdomon de Karloreĝo kiu estas vere luksa palaco, konstruita antaŭ kelkaj jaroj.

Sed la regiono de la Nigra Lando ricevis, de kelkaj jardekoj, novan sorton : enmigris ja multaj personoj el aliaj lokoj, ĉu de Belgujo, ĉu de fremdaj landoj. Nun la atmosfero similas iom al tiu de urbo de la Nova Mondo; la Karloreĝanoj ne plu miras, ekzemple, kiam ili vidas, ĉe la fenestroj de la ĵurnalvendejoj, italajn aŭ polajn gazetojn. Ili vivas en internacia atmosfero. Oni parolas nun en la Nigra Lando multajn lingvojn : franca, flandra, itala, pola, precipe. Sed la listo ne estas kompleta, tute ne; en la loko nomita « Vieux Campinaire » apud Gilly, oni parolas nun dekkvar lingvojn. El tio eliros, laŭ nia espero, bona rezultato : ĉar ni rajtas diri ke la regiono jam nun **bezonas** nian lingvon. Esperanto fariĝis necesa, por esti la ligilo de tiuj lingvaj grupoj kaj helpi al interkompreniĝo kaj amikeco.

Ni, esperantistoj, povos ludi noblan rolon; la kuraĝo ne mankos, kaj ni esperas en la Nigra Lando, malrapidan sed plenan sukceson de nia bela ideo.

---

## LA ANKRO

Oni rajtas diri ke la jaro 1947 restos memorinda dato en la historio de la karloreĝa esperantismo.

Certe, Esperanto ne estas, en tiu regiono, nova afero. Tute ne. Jam antaŭ la unua mondmilito ekzistis esperanto-grupo en Karloreĝo. Ĝi estis fondita kaj gvidata de S-ro Henraut, kies nomo ĉiam restos en la memoroj, kiel nomo de esperantisto-pioniro en nia Henegova Provinco.

Li dum multaj jardekoj instruis, ĉiam senkoste, nian lingvon kaj fervore klopodadis por ĝia plivastiĝo.

Dum la epoko « inter du militoj » la karloreĝa esperanto-grupo (aliĝinta al R. B. L. E.) estis sekcio de la « Cercle Polyglotte » (multlingva klubo) ĉiam dankinda pro la favoro per kiu ĝi helpis nian laboron.

Ankaŭ dum la terura dua mondmilito, kelkaj izolaj esperantistoj riskeme daŭrigis la propagandon, organizante kursojn spite la germanan malpermeson. Ili partoprenis sekretajn kunsidojn, pripensante por la estonto de nia movado, kaj eĉ sukcesis varbi kelkajn novajn anojn.

Sed, dum 1947, oni vidis gravan kaj de longtempe atenditan okazon : la unuiĝon de ĉiuj esperantistoj de la Nigra Lando, kaj la restarigon de bela kaj forta grupo de R. B. L. E. Novaj kaj malnovaj, junaj kaj malpli junaj esperantistoj, el diversaj ismoj kaj medioj, decidis kune daŭrigi la laboron de siaj antaŭuloj, kaj, tiel kiel ili, paceme sed obstine klopodi por nia internacia lingvo.

La nova grupo elektis la nomon : « La Ankro », simbolo de espero. Efektive grava espero aperas por nia grupo : El diversaj flankoj venis agrablaj kaj kuraĝigaj aproboj; pli ol antaŭe, la atmosfero estas favora; oni jam antaŭvidas novan prosperon kaj gravan sukceson. Tiun jaron, malgraŭ sia « juneco », « La Ankro » prenis la taskon organizi la Kongreson; la malfacilaĵoj estis tamen multaj, sed oni decidis ilin venki. Por ke la Venko estu kompleta, ni certe bezonas la helpon de ĉiuj gesamideanoj de Belgujo; la plej efika helpo estas nepre : sendi aliĝilon kaj... partopreni la Kongreson.

« La Ankro » invitas vin, karaj samliganoj, venu al Karloreĝo, kaj vi komprenos ke la « karloreĝa afableco kaj gajemo » ne estas vana vorto.

Ni ne posedas larĝan riveron kaj admirindan havenon, kiel niaj Antverpenaj gefratoj, sed ni havas en brusto specialan fervoron kaj amikemon, kaj, se oni riskas tiel esprimi, ni havas « verdan koron ».

Ĝis baldaŭ, ĝis la Kongreso, kun la plej sinceraj salutoj de niaj « Ankranoj ».

---

## LA ANKRO

### (Gruphimno de Karloreĝo).

**I.**

Pli profunda ol la maro
Estas nia sent' espera
Por la paco al homaro,
Por al mondo paco vera.

**Rekantaĵo.**

Sen malamo, sen provoko
Laŭtu forte nia voko,
Kaj, por glor' de Esperanto,
Bela, bela, bela kanto.

**II.**

Ĉe standardo kaj en koro
Estas ankro, la simbolo
De konfido kaj fervoro,
De espera nia volo.

**III.**

Plej amike, plej afable,
Ni « per mildo kaj per ĝojo »
Iras gaje kaj agrable
Sur la bela verda vojo.

---

## LOVERVAL

### LA VERDA VALO

Ĉiuj, kiuj estas vojaĝintaj tra la regiono de Karloreĝo, certe konas tiun imponan kaj strangan pejzaĝon de karbminejoj, vastegaj ferfabrikoj, gigantaj kamenoj, kaj, dum la noktoj, de fajregoj, kiuj rozkolorigas la ĉielon kaj estas bele pentritaj de la fama artisto Paulus.

Sed eble, la historiisto aŭ la poeto meditas reveme pri la aspekto de tiu regiono antaŭ ĝia industriiĝo. Li eble pripensas : « Nu, kie estas tiuj naturaj belaĵoj pri kiuj verkis la karloreĝa poeto Jacques Bertrand kiu kantis :

« en la verdaj herbejoj,
Kiujn Sambro karesas ».

Ekzistas ankoraŭ nun loko kiu kapablas doni ideon pri la stato de la regiono antaŭ kelkaj jardekoj : tiu loko estas Loverval.

Proksime de la urba centro, Loverval estas vere « verda insulo » en la Nigra Lando. Ĉiuj karloreĝanoj konas ĝin : Loverval estas por ili la promenejo, la ripozejo, kie oni dum kelkaj horoj reĝojas en natura kvieto kaj paco.

Ĉu vi deziras ke ni iomete babilu pri Loverval ?

Unue, la nomo mem estos nepre kara al ĉiuj esperantistoj. Kial ? Ĉar la signifo de Loverval estas, laŭ kelkaj etimologiistoj, « la verda valo ». Ĝi devus do (kaj ankaŭ Groenendael) esti speciale dediĉata al nia movado, ĉu ne ?

Mi devas konfesi ke laŭ aliaj scienculoj, Loverval signifas : « Louvierval », tio estas : lupejo-valo (sama radiko kiel en la nomo de La Louvière). Oni eĉ

povus fantazie aldoni unu literon, kaj la vorto fariĝus : « Lover-vale » (« la valo de la amanto », anglalingve).

Tamen ĉiuj kongresantoj certe preferos la unuan etimologion : « la verda valo », eĉ se ĝi ne estas la plej ekzakta el ĉiuj.

Ne nur la vorto, sed ankaŭ la loko estas agrabla : la verda valo ĝuste meritas sian nomon. Ĝi estas malnova kampara vilaĝo, meze de vasta arbaro. Ĝi jam ekzistis en la sesa jarcento; laŭ historiaj dokumentoj, dum la jaro 844, Imperiestro Lothero la Unua donacis ĝin al Aheno (Aachen). Ni, evidente, ne havas sufiĉan spacon por rakonti la kompletan historion de la vilaĝo; ni nur deziras montri ĝian antikvecon.

Antaŭ kelkaj jardekoj, Loverval akiris novan sorton : Vastegaj terenoj kaj arbaroj, bienoj de la familio de la Grafoj de Mérode, estis disige vendataj de sia posedanto. La aĉetintoj konstruigis kampodomojn kaj « vilaojn ». Ĉi tiel Loverval fariĝis urbeto de luksaj loĝejoj, ĉirkaŭataj de belaj ĝardenoj.

Sed ankoraŭ ekzistas arbaroj kaj naturaj belaĵoj, lageto, riveretoj, kaj eĉ grotoj (la groto de la Maŭroj, « grotte des Sarrazins »).

Plie, oni povas en Loverval naĝi, tenisludi, remi, kegli, k. t. p. Niaj kongresontoj do kapablos laŭplaĉe amuziĝi kaj nepre agrable rememoros poste pri Loverval la verda valo.

A. J.

---

## BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

Charleroi, 15an, 16an kaj 17an de Majo 1948.

ALIĜILO

Nomo { S-ino ..........
F-ino ..........
S-ro ..........

Adreso ..........

| | | |
|---|---|---|
| Kongreskotizo ... | 40 fr. ... | fr. ... |
| Dimanĉa tagmanĝo ... (servo kaj trinkaĵo enkalkulitaj). | 80 fr. ... | fr. ... |
| Dimanĉa festeno (vespero) ... (servo kaj trinkaĵo enkalkulitaj). | 100 fr. ... | fr. ... |
| Lunda ekskurso... | 5 fr. ... | fr. ... |
| Loĝado ... (laŭ elekto : vidu ĉi sube) ... | | fr. ... |
| | Sumo ... | fr. ... |

Al la kongresanoj kiuj deziras partopreni nur unu komunan manĝon ni tre konsilas ke ili bonvolu elekti la vesperan festenon.

Bonaj ĉambroj povas esti luataj por unu nokto, je :
55 ĝis 125 fr. por unu persono;
55 ĝis 180 fr. por du personoj;
70 fr. por 4 personoj (2 litoj).

Mi pagas la sumon al la poŝtĉekkonto n-ro 7410.49 de P. Paulus en Charleroi.

Mi alvenos .......... Mi foriros ..........

Subskibo kaj rimarkoj : ..........

Sendota senprokraste al Loka Kongresa Komitato, 60, rue du Grand-Central, Charleroi.

Imp. LIELENS, s. p. r. l., rue de la Princesse, Brux. - T. 21.10.98